,Mutig vorwärts!' ,Kuraĝe antaŭen'

# Aŭstria Esperantisto

# (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

8a jaro. N-o 6 Monata Junio 1931

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## La kongreso de la kvin mil.

### La Wien-a kunveno de Rotary International.

En la tempo de 22.—27. junio Wien, la gvidanta kongresurbo de Eŭropo, gastigos la plej grandan internacian kongreson, kiu ĝis nun kunvenis en la aŭstria ĉefurbo. Al mondkongreso de la rotarianoj venos proksimume 5000. Al la sur la tuta globo disigitaj rotario-kluboj apartenas, kiel oni scias, la socie kaj spirite gvidantaj eminentuloj de la koncernaj urboj. La 5000, kiuj kongresos en Wien, reprezentas do speciale altan elekton de la internacia vojaĝantaro kaj kio koncernas ilian aĉetpovon kaj -emon kaj ankaŭ ilian komprenon por la pejzaĝoj de Aŭstrio.

La ekonomia kaj ĝenerale propagandcela utilo de ĉi tiu grandega kunveno ne povas do esti tro alte taksata.

### Aŭtomobilcelveturado al Wien.

En la kadro de la kongreso Rotary-klubo de Wien kune kun Oesterreichische Aŭto-Touring-Club aranĝos aŭtomobil-veturadon kun la celo Wien. En ĉi tiu ĉiujara internacia Aŭtomobil-celveturado al Aŭstrio kaj Wien proks. 300 alilandaj aŭtomobilistoj partoprenos kun siaj veturiloj. Por ĉi tiu celveturado, por kiu jam venis anoncoj el Nordameriko, Cuba, Honolulu kaj Anglujo, estas envicigataj laŭprogramme devighaltejoj en la liglandoj ekz. en Salzburg, Bad Ischl, Linz, Klagenfurt kaj Baden ĉe Wien.

La grandparto de la kongrespartoprenantoj kompreneble venos al Aŭstrio per fervojo. 90% venos el okcidento kaj uzos la vojon tra Salzburg-Passau aŭ — la italaj rotarianoj — tra Innsbruck; la ĉehoslovakaj kaj polaj tra Lundenburg. La internaciaj gastoj de Aŭstrio havos do sufiĉan okazon, travojaĝi nian landon kaj kolekti impresojn pri la plej belaj regionoj.

### Rotario-kunvenoj en Baden kaj sur Semmering.

Kiel antaŭaranĝo al la granda „Rotary-Convention" okazos inter 19.—21. junio kunveno de la distrikto Aŭstrio de Rotary-International en Baden, en kiu partoprenos 300 personoj. De 16.—21. junio kongresas ankaŭ „International Assembly", tio estas la ĝeneralestraro kaj la proponitaj distriktguberniestroj sur Semmering por prepari la proponon por la elekto de la nova estraro, por meti ĝin al la kongreso pro akcepto. Al ĉi tiu konferenco venos 150 distingaj rotarianoj el diversaj landoj meze de junio al sur Semmering.

Por ke ne estu preterlasata iu okazo, interesigi la influhavajn membrojn de Rotary-International por nia lando kaj plilongigi ilian restadon en Aŭstrio trans la kongrestempo, Vienna Rotary Club ellaboris interkonsente kun Oesterr. Verkehrsbureau 12 specialajn vojaĝvojojn tra Aŭstrio. Tiuj ĉi vojaĝoj antaŭvidas la veturadon per trajnoj aŭ ŝipoj de Passau tra Linz kaj sur Danubo ĝis Wien kun flankekskursoj en la liglandojn Salzburg, Steiermark kaj Oberösterreich. Tiu ĉi programo estis antaŭmetata al la rotarianoj en iliaj landoj flanke de la grandaj vojaĝoficejoj kaj rekomandata. Dependas kompreneble de la decido de la unuopaj kongrespartoprenantoj, ĉu ili deziros eluzi ĉi tiujn rondvojaĝojn en Aŭstrio post fino de la kongreslaboroj aŭ ne.

Ĉiuokaze Wien-a Rotario-klubo, kies tasko estas la aranĝado de la granda „Convention" kune kun la jam en Wien estantaj alilandaj membroj de la kongreskomitato de „Rotary International", faris ĉiujn preparojn por ne nur sukcesigi la kongreson de la 5000 por Wien kaj Aŭstrio sed ankaŭ por la estonto ĉerpi el ĝi daŭran pliriĉigon de la aŭstria fremdulfrekvento.

# Organizaj aferoj de Rotario Kongreso.

La grandaj preparlaboroj por la en Wiener Konzerthaus okazonta mondkongreso de internaciaj rotarianoj estis farataj komune de amerika „Convention Comitee“ kun la komitato de Wien-a Rotary-klubo. La prezidanto en Convention Comitee estas Sydney W. Pascall, reprezentanto de la angla ĉokoladindustrio; prezidanto en Laborkomitato de „Vienna Host Club“ Bergrat d-ro inĝ. Böhler. Por la efektivigo de la laboroj estis instalataj 16 subkomitatoj kun 68 membroj. La vojaĝkomitato sub la estrado de eksĉefdirektoro d-ro J. Maschat sukcesis, ke ankaŭ vojaĝantoj el tiuj landoj, kiuj ĝis nun postulis ankoraŭ la vizon en la trafiko kun Aŭstrio, ne bezonas la vizon por la kongreso. Ili ricevis de la kongreskomitato specialajn legitimilojn, kiuj anstataŭu la vizon.



Abatejo Melk

La subkomitato por sportaferoj precipe okupiĝis en la preparo de la granda internacia aŭtomobilveturado de la rotarianoj al Wien. Por ĉi tiu „Rally“ pli ol 300 aŭtomobilistoj el Eŭropo kaj Ameriko sin anoncis.

La komitato por lokaj informoj eldonis oficialan festskribajon de l' kongreso.

La „Sinjorinoj - komitato“ faris ĉion, por igi al la grandnombre kunvojaĝantaj edzinoj kaj filinoj de la partoprenantoj la restadon en Wien agrabla kaj varieca. La komitato aranĝos la 23. junio en Kursalon primodan ekspozon.

Aparta komitato estis okupata, adapti „Militärkasino“ por la bezonoj de rotaria „Domo de amikeco“ dum la daŭro de la kongreso. „Domo de amikeco“ servos al la kongrespartoprenantoj kiel Wien-a klubejo.

Alia komitato prizorgis la kunlaboron kun la oficejoj kaj registaroj en Wien kaj prenis sur sin ankaŭ la taskon, klarigi al la loĝantaro la gravecon de la kongreso, kiu venigis al Wien kaj Aŭstrio 5000 fremdulojn.

La kongreslingvoj estas la germana, angla kaj franca. Rotary-International fabrikigos oficialan kongresfilmon de Wien-a filmkompanio, kiu estos multobligata en 10 ekzempleroj kaj estos montrata en la tuta mondo. Tiu ĉi filmo ne nur montros en bildoj la detalojn pri la kongreso, sed ankaŭ ĉiujn Wien-ajn konstruaĵojn, salonegojn, placojn kaj ekskursejojn, kie kunvenoj de la rotarianoj okazis. Tiel la filmraporto pri la XXII. Vienna Convention de Rotary International samtempe efikos en alilandaro kiel bonega propagandfilmo por Wien, speciale en la Unuiĝintaj Ŝtatoj (USA).

# Ameriko varbis por Aŭstrio.

## Rotario-propagando en USA.

En la venontaj tagoj laŭ certa antaŭvido falos la nevidebla limo, kiu ĝis nun retenis la grandan amerikan turistaron en la okcidenteŭropaj landoj: Francujo, Svislando, Italujo kaj Germanlando. La laŭsistema varbadagado de la rotarianoj por sia Wien-a Mondkongreso vekis en vastaj rondoj de la amerika civitanaro grandan „impulson al oriento“, tiel, ke oni povas kalkuli laŭ en Wien alvenintaj sinanoncoj kun paca invado de aro da 1600 ĝis 2000 amerikanoj.

## Aŭstrio en Radio, filmo kaj gazetaro.

Wien-a rotariano travojaĝis en aŭtuno 1930 laŭ ordono de la Wien-a Klubo la Unuiĝintajn Ŝtatojn kaj faris paroladojn pri Aŭstrio kaj Wien en 117 urboj en 30 di-



Franzensburg en Laxenburg.

versaj ŝtatoj de USA. La aŭstria delegito trifoje parolis per Radio pri la belaĵoj de la pejzaĝo kaj la malfacila ekonomia situo de Aŭstrio, nome en la sendstacioj de Los Angeles, Pittsburg kaj Philadelphia. En marto nj. amerika rotariano parolis en la sendstacio de New York pri Wien.

De septembro lj. Rotario-jurnalo „The Rotarian“ — eldonkvanto 200.000 monate — varbis por amasa partopreno en „Vienna Convention“. Tiu ĉi elegante ekipita revuo publikigis 20 artikolojn pri Wien kaj 12 pri Aŭstrio kun 150 bildoj, disponigitaj de Oesterreichische Lichtbildstelle. Kompreneble ankaŭ la filmo en USA estis metata en la varbadservon por Wien-a Rotario-kongreso. De duonjaro 3 aŭstriaj propagandfilmoj estis montrataj en pli ol 75 amerikaj Rotario-kluboj.

## „Vienna Convention News.“

Sub ĉi tiu titolo oni eldonis en USA apartan informilon, kiu estis sendata monate al la membroj en 50.000 ekzempleroj. Krome aperis en la en Chicago, la centro de „Rotary International“, eldonataj semajn- kaj monatorganoj „Weekly Letter“ kaj ‚Monthly Letter‘ regula informservo pri la estonta kongreso. En Cleveland kaj Minneapolis oni arangîs „Vienna Meetings“, malceremoniajn „Wien-ajn vesperojn“ kun filmprezentado kaj parolado; ankaŭ la menuo kaj muzikprogramo estis kunmetataj laŭ Wien-a kaj aŭstria maniero.



Schneeberg, 2061 m, Baumgartner-kabano

Ameriko varbis por Aŭstrio en paroladoj kaj skribaĵoj, en sonoj kaj bildoj kaj nun Wien kaj la Wien-anoj, Baden, Semmering, Ischl, Salzburg, Linz kaj Graz devas pravigi kaj daŭre reteni la jam gajnitajn simpatiojn de preskaŭ 2000 vojaĝantoj el USA.

## Bundesbahnen kaj la kongreso.

Apartaj dormvagonaroj venos de Boulogne s. M., Ostende, Mainz—München, Paris—Innsbruck, Paris—Buchs. La ĝeneraldirekcio de la aŭstriaj fervojoj energie helpis la preparajn laborojn pere de sia provita organizo.

## Rotary-ŝiparo por la kongreso.

„Rotary International“ luis por la transporto de la kongresanoj kaj ties familioj al Eŭropo apartan ŝiparon da 6 ŝipoj, nome „Carolina“ kaj „Carinthia“ de Cunard Line, „Duches of York“ de Canadian Pacific Line, „Westerland“ de Red Star Line, kaj „George Washington“ kaj „Amerika“ de United States Line. Ili ekforvojaĝis la 3. kaj 10. de junio de New York.

## La amuzprogramo de Rotario-mondkongreso.

La biletoj por la **festprezentadoj de Staatsoper kaj Theater an der Wien estas elĉerpitaj. — „Rotary-premio“ sur trotvetkuradejo. — Festo en aŭstriaj naciaj kostumoj en Schönbrunn.**

La unuan fojon okazos la jarkunveno en grandurbo kaj antikva art- kaj kulturcentro. La kongreskomitato, subtenata de ĉiuj registaroj kaj oficejoj, faris ĉion por alproksimigi la artistan, speciale la muzikan gravecon de Wien al la 5000 alilandaj, grandparte transoceanaj gastoj.



La ĉefa arangô je honoro de Rotary-kongreso estos la granda akcepto, kiun donos la liglanda registaro la 24. junio en la salonegaro de Hofburg por 4000 kongrespartoprenantoj kaj ties sinjorinoj. Staatsoper prezentos dum Rotary-semajno „Rozokavaliro“, Majstrokantistoj“ kaj „Edziĝfesto de Figaro“. La antaŭmendoj por la biletoj estas jam tiel multnombraj el Anglujo kaj Ameriko, ke la biletoj por la prezentadoj povas esti rigardataj kiel elĉerpitaj. En Theater a. d. Wien majstro Lehár, ankaŭ rotariano, direktos „Gaja vidvino“ kaj „Lando de l' ridetado“. Ankaŭ ĉi tiuj du rotario-prezentadoj estas elvendataj.

En la ĝardenfesto en Burggarten la 22. junio la baletdancistaro de Staatsoper dancos je speciala peto de la amerikaj rotarianoj la valson „Ĉe la bela, bluo Danubo“. Wien-a simfoniorkestro ludos Wien-an muzikon! duobla kvarteto de Philharmoniker malfermos la salutvesperon per fanfaroj kaj kornoj.

Ministro por komerco Heinl solene akceptos la kongreson en Schönbrunn. Kiel plej interesa programpunkto estas rigardataj la de aŭstrio kostumunio aranĝitaj dancoj en naciaj kostumoj de la diversaj liglandoj. En Krieau okazos trotvetkurado je iluminado kun speciala Rotary-premio. Speciala komitato peros al la kongresanoj la vizitadon de la historiaj kaj artistaj vidindaĵoj de Wien, muzeoj, preĝejoj, pentrajgalerioj. La liberaj antaŭtagmezoj estas destinataj por la aĉetoj de la sinjorinoj, tiel ke la kongreso ankaŭ donos la deziratajn avantaĝojn al la Wien-a komercistaro.

---

# Kio estas „Rotary"?

## La mondpercepto pri la „Helpo al proksimulo."

De d-ro H. Bessemer.

De 22.—26. de junio okazos en Wien XXII. Mondkongreso de la internaciaj rotarianoj, al kiu estas atendataj 5000 partoprenantoj.

Rotary estas vorto, kiu signifas socieman klubon, kaj ideo, kiu estas identa kun etika vivfilosofio. La devizo de Rotary estas: „Helpi pligravas ol propra avantaĝo". Ĉiu, kiu estas akceptata en Rotary-klubo — ekzistas 3600 en 68 landoj — devas esti konvinkita pri la mondpercepto de la „helpo al proksimulo"; alie li ne estus bona rotariano.

La Rotary-movado havas sian hejmon en USA. Advokato Paul P. Harris, fondis kun 4 amikoj en 1905 la unuan klubon en Chicago. Nuntempe Rotary membras 158.000 anojn en la mondo. Tiu ĉi cifero bezonas komenton. La anoj de Rotary fakte ne estas personoj sed profesioj. Ĉiu klubo en 3600 urboj de la mondo elektas po 1 reprezentanton, la plej taŭgan kaj indan, de komerca branĉo aŭ profesioj kiel anon. La strukturo de Rotary International tial similas la organizon de „Ligo de la Popoloj", al kiu ja ankaŭ ne apartenas ministroj kaj politikistoj kiel unuopaj personoj sed kiel reprezentantoj de la ŝtatoj. Rotary-klubo estas unuiĝo de profesiistoj kaj komercistoj, po unu el ĉiuj fako kaj profesio, kiuj propragis al si la principon de la helpado, la mondperceptón pri la helpo al samtempulo.

Rotary ne konas mistikaĵon, voton, dogmon aŭ devigan konfesion por siaj membroj. Religio estas laŭ Rotary-percepto ĉies privata afero; paroli pri politiko estas malpermesate en la semajnaj sociaj kunvenoj de la kluboj kaj la demandoj pri raso ne ekzistas por rotarianoj, ĉar ili deziras favori kiel sian etikan tendencon ne la disigon sed la interligon inter la homoj bonvolaj. Rotary nek estas Framason-loĝio, nek religia ordeno aŭ politika rondo; Rotary estas libera kaj publika socia unuiĝo de viroj el la politika kaj profesia sferoj, kiuj ŝatas fari la bonon, helpi la kunulojn kaj per tio akceli la prosperon de la socio.

En la komenco de Rotary — 1910 ekzistis nur 16 kluboj en Ameriko; la unua eŭropa estis fondata en London 1912 — la kunvenoj okazis alternige de semajno al semajno en la kontoroj kaj magazenoj de la unuopaj fondmembroj: „rotaciante" tial la nomo „Rotary". En ĉiu kunveno unu membro devis fari paroladon pri siaj entrepreno, fako, profesio, metio, por ke ĉiuj rotarianoj ricevu ekkoniĝon pri la entreprenoj, la profesio de siaj amikoj el aliaj fakoj. Tiun ĉi uzon oni ankaŭ nuntempe sekvas en malgrandaj kaj grandaj Rotary-kunvenoj. La jarkunvenoj same „rotacias", ke post po tri „Annual Conventions" en Ameriko unu jarkunveno okazos ekster USA; 1921 en Edinburgh, 1927 Ostende, 1931 Wien.

Rotary en Aŭstrio nombras 350 membrojn en 10 kluboj, el kiuj 110 en Wien-a klubo, la resto en la kluboj de Baden, Wr.-Neustadt, Graz, Ischl, Innsbruck, Klagenfurt, Linz, Salzburg kaj Steyr. Aŭstrio formas, unuigita kun Germanujo, la 73. distrikton de Rotary International. La kongreso ludas gravan ekonomian kaj porfremdulan rolon, ĉar Rotary estas mondĉirkaŭprenanta agit-



Gußwerk

Ĉiujn informojn koncerne Esperanto-n donas kontraŭ resendafranko Intern. Esperanto-Muzeo, Wien, I., Neue Burg.

The International Esperanto-Museum is giving every information concerning Esperanto. Add international answering coupon.

vorto kaj potenca socia organizo, kiu celas laŭ sia statutaro la malpliigon de la naciaj kaj ekonomiaj kontraŭecoj kaj konstruigan programon de la mondpaco, de la prosperigo de la bonstato, kaj de la amikeco inter homoj kaj popoloj.

---

# Rotary — vojo al interkompreniĝo de la popoloj.

De Sydney W. Pascall, London.
Prezidanto de la Kongres-oficejo por Vienna Rotary-Convention.

S-ro Pascall estas la sola kandidato por la indo de prezidanto de la mondorganizo de la rotarianoj, kiu estos elektata dum Wien-a kongreso por la venonta jaro. S-ro Pascall estas sukergrandindustriisto.

La rotarianoj de la tuta mondo atendas kun strečeco de l' atento la internacian renkonton, kiu okazos en Wien de l' 22.—26. junio. Mi konfesas, ke ĉe la elekto de la kongresurbo por 1931, en kiu krom Wien ankaŭ London, Paris kaj Nizza estis pridiskutataj, certaj pripensoj, kompreneble nur kontraŭargumentoj de pure teknika naturo, estis kontraŭ Wien, speciale la konsidero, ke Wien situas en la centro de l' kontinento kaj povas esti atingata de ĉiuj eŭropaj havenoj nur post longa peniga fervojveturado. Despli multe mi ĝojas, ke fine la ĝenerala estraro de Rotary International destinis Wien kiel sidejon de la venonta kunveno en la konsidero de la nekompareblaj historiaj, artistaj, muzikaj kaj aliaj kulturaj allogiloj de la aŭstria ĉefurbo kaj de la egaj simpatioj kiujn Aŭstrio ĝuas de ĉiam en la mondo, speciale en la anglosaksa.



Bad Gastein

Ni estas plej agrable tuŝataj pro la afableco, per kiu la aŭstria registaro kaj ĉiuj estraroj de la lando bonvenigas Rotary Convention en Aŭstrio kaj akcelas ĉiel la grandajn preparlaborojn de la granda kongreso.

Ni scias taksi eksterordinare, ke s-ro Ligoprezidanto Miklas, kanceliero d-ro Ender kaj urbestro Seitz honorigos la kongreson per alparoladoj.

Estante anglo mi ĝojas, ke Lord Robert Cecil okaze de Rotary-kongreso la unuan fojon venos al Wien, por paroli pri la demando de malarmigo, kiu estas tre grava por la tuta homaro, ĉiuj registaroj kaj ankaŭ por la internaciaj rotarianoj kiel anoj de l' principo de Goodwill kaj de l' „Helpemo al proksimulo."

Rotary-movado ne sentas sin destinata, skizi planon de mondmalarmigo. Sed ni sentas kaj opinias, ke la problemo de malarmigo estas vivdemando por Eŭropo kaj tutmondo, kaj ke Rotary multe povas kunhelpi, krei en ĉiu unuopa lando atmosferon, kiu kuraĝigos la registarojn, fari en la malarmigokonferenco en februaro 1932 kun ĉiuj fortoj la necesajn paŝojn pri taŭga kontrakto pri la malgrandigo de la armadoj.

Kaj la lasta distriktkonferenco de la anglaj rotarianoj kaj la antaŭ nelonge okazinta konferenco de la rotarianoj en Danujo manifestis en rezolucioj por la neceseco de mondmalarmigo. Aliaj distriktoj de Rotary-International proksimatempe faros similajn rezoluciojn kaj mi ne dubas, ke ankaŭ Wien-a Kongreso sub la impreso de la ĉeesto de tia eminentulo de Ligo de Popoloj kiel estas Lord Cecil decidos pri manifestacio por la mondpaco kaj interkompreniĝo inter la popoloj.

Ni samopinias, ke la Rotary-kluboj de la unuopaj landoj kaj urboj studu atente la problemojn de la internacia ekonomio. Rotary-movado estas tute nepolitika kaj pro tio ne kapablas iniciati propran agadon por alkonduko de mondekonomia paco, same malmulte kiel por praktika realigo de la malarmigo. *Sed ankaŭ sur la ekonomia kampo Rotary-kluboj, kiuj reprezentas profilon tra ĉiuj profesioj,* povas influi la publikan opinion kaj per tio helpi al siaj registaroj en la serĉado de taŭga solvo de la mondekonomiaj problemoj. Mi esperas, ke la XXIII. jarkunveno de Rotary International en la aŭstria ligĉefurbo Wien faros valoran laboron en la intereso de la ekonomia paco kaj de la popolinterkompreniĝo.

# Parolado de Sir Charles A. Mander

en Rotary-Convention, la 26. de junio 1931.

Mi ne pensas, ke mi povas vin konverti al la studo de Esperanto en la kvin minutoj donataj al mi. Ĉiuj[1]) povas kompreni kiel muzika la lingvo sonas, kiel ili ĝin aŭdas nun parolatan, kaj min kredos, kiam mi diras, ke kun tre malgranda[2]) laboro mi lernis ĝin legi kaj skribi depost lasta septembro.

Kompreneble ĝin paroladi flue bezonas vere spertan cerbon[3]) kaj pli da ekzercado en parolado ol mi povis akiri.

Ĉiu konas sen argumento la grandan signifon de helpa lingvo al nia sesa celo. Ni sole devas decidi, ĉu subteni kaj kuraĝigi[4]) la solan artefaritan[5]) lingvon, kiu konfese estas vigla kaj aktiva, ĉu atendi la superecon[6]) de angla, franca, germana aŭ hispana lingvo, kvankam ili ne estas facile lernataj, kaj neniu nacio pro ĵaluzeco[7]) akceptus alian lingvon kiel internacian.



Major Sir Charles A Mander

Kiel franco, parolanta la anglan lingvon, klarigos[8]) siajn pensojn al svedo; aŭ germano al italo aŭ anglo? La elparolo estus nekomprenebla! Dume en Esperanto ni ĉiuj staras sur fundamento neŭtrala kaj ni sentas nin kiel membroj de unu nacio. Egalrajte en Esperanto ni povas, se ni deziras, paroli riĉe, precize kaj klare.

Mi pensas, ke la Rotario-movado malatentis[9]) siajn avantaĝojn[10]), detenante sin de definita ago tiel longe, kaj mi esperas, ke serioza konsiderado estos donata al ĉi tiu grava problemo.

Ni paŝu antaŭen, kunligante la naciojn de la mondo en unu familio.

## Lord Robert Cecil en Wien.

Lord Robert Cecil, la fama angla ŝtatisto, partoprenos Rotary-Convention en Wien. Lord Cecil, kiu estas reprezentanto de la angla registaro en la konferencoj de „Genève prepara komisiono por malarmigo“, faros paroladon en la kadro de Wien-a Rotario-Kongreso pri la nuna stato de la malarmig-problemo.

## Pri la Esperanto-Movado.

**Esperantista Lingva Komitato** konsistas el lingvaj kompetentuloj, nuntempe 128, kiuj apartenas al 26 lingvoj. Sidejo Paris.

**Esperantista Akademio**, la supera komisiono de Lingva Komitato. Sidejo Paris.

**Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj** (KR). Sidejo Antwerpen.

**Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado** (ICK). Sidejo Genève.

**Universala Esperanto-Asocio** (UEA) kun delegitoj en pli ol 1800 lokoj en 70 landoj. Sidejo Genève. **Ĉiu estu membro de UEA!**

[1]) every, tous, alle; [2]) little, petit, klein; [3]) brain, cerveau, Gehirn; [4]) encourage, encourager, ermutigen; [5]) artificial, artificiel, künstlich; [6]) superiority, supériorité, Ueberlegenheit; [7]) jealousy, jalousie, Eifersucht; [8]) explain, exdliquer, erklären; [9]) neglect, négliger, vernachläßigen; [10]) advantages, avantages, Vorteile.

# Profesoro Anatole Théophile Cart mortis.

El Pariso ni ricevis de la vidvino la anoncon pri la subita morto de

**Profesoro Anatole Théophile Cart,**

**Kavaliro de Honorlegio, prezidanto de Esperantista Lingva Komitato kaj ties Akademio, membro de Internacia Honora Komitato de Intern. Esperanto Muzeo en Wien,**

kiu okazis la 21. de majo matene en lia 76. vivjaro.

La enterigo okazis la 23. de majo en la tombejo Père Lachaise en Paris.

Ni profunde funebras kun la tutmonda esperantistaro pro la elmondiĝo de unu el niaj plej bonuloj.

S-ino Cart informis nin, ke la mortinto heredigis al Int. Esperanto Muzeo parton el sia granda biblioteko. Ni ankaŭ posedas leteron de la kara mortinto, en kiu li informis nin, ke li heredigos al IEMW la plej grandan parton de sia biblioteko.

---

**La prezidanto de IEMW informis pri la morto de prof. Cart la protektoron de la muzeo, la prezidanton de la Respubliko Aŭstrio, s-ron Wilhelm Miklas, kiu direktigis jenan leteron al la vidvino:**

**Vienne, le 11. juin 1931.**

Madame,

Comme protecteur du Musée International d'Espéranto à Vienne Monsieur le Président Fédéral a appris la grande perte que les Espérantistes du monde entier ont subi par la mort de votre mari, Monsieur le Professeur Cart, qui s'était acquis comme Président de la Commission pour l'Espéranto et son Académie de grands mérites pour la propagation de cette langue. J'ai l'honneur de vous exprimer au nom de Monsieur le Président Fédéral toutes ses condoléances émues.

Veuillez agréer Madame l'hommage de mon profond respect.

Loewenthal.

**Madame Théophile Cart**
**Paris, 12 Rue Soufflot.**

---

**La ĝeneraldirektoro de Nacia Biblioteko, univers. prof. d-ro Josef Bick skribis:**

**10. Juni 1931.**

Mad. M. Cart

**Paris Ve, 12, Rue Soufflet.**

Vom Präsidenten des Int. Esp. Museums in Wien, das als Separatsammlung der österr. Nationalbibliothek angegliedert ist, habe ich soeben von dem großen Verluste erfahren, den Sie, verehrte gnädige Frau, und mit Ihnen die gesamte Esperantisten-Gesellschaft durch den Tod Ihres Herrn Gemahls, Präsidenten des Esperanto-Sprachenausschusses und dessen Akademie, getroffen hat. Ich erlaube mir Ihnen, sehr verehrte gnädige Frau, aus diesem Anlasse den Ausdruck wärmster Anteilnahme zu übermitteln.

Wie mir ferner mitgeteilt wurde, wird über letztwillige Verfügung Ihres Herrn Gemahls der Großteil seiner Bibliothek dem Int. Esp. Museum überwiesen werden; für diese hochherzige Widmung erlaube ich mir meinen verbindlichsten Dank im Namen der Nationalbibliothek schon jetzt auszusprechen.

**Der Generaldirektor der Nationalbibliothek: Bick m. p.**

## Internacia Esperanto-Muzeo.

La postulojn de sciencaj kaj vastaj internaciaj rondoj je kolekto de la en la tuta mondo disigitaj, al la evoluo de la mondhelplingvo-movado koncernaj dokumentoj (libroj, gazetoj, manuskriptoj, fotoj, afiŝoj ktp.) sur scienca bazo estis en 1928 tiamaniere efektivigata, ke

**Internacia Esperanto-Muzeo en Wien,**

fondita de registara konsilanto Hugo Steiner, estis aligita de Ŝtato Aŭstrio kiel egalvalora specialkolekto al Nacia Biblioteko kaj tiamaniere estis ĝiaj havaĵoj certigataj por ĉiamaj tempoj.

La protektoraton de la asocio, fondita por ĉi tiu celo, transprenis la prezidanto de la Respubliko Aŭstrio

sinjoro **Wilhelm Miklas**

kaj en tiu eco inaŭguris la 1. de aŭgusto 1929 la muzeon en ĉeesto de multnombraj esperantistoj el 32 landoj, de la diplomataro ktp. en la pompa salonego de Nacia Biblioteko, uzante je la fino de sia alparolado Esperanto-n, por esti komprenata samtempe de ĉiuj nacianoj.

La Ŝtato Aŭstrio (Ministero por instruado kaj Nacia Biblioteko) disponigis al la muzeo indan hejmon (kun hejtigado, lumigado ktp.) en la „Nova Imperiestra Kastelo“, sur Heldenplatz. Nacia Biblioteko pagas krome la kostojn por bindigo de ĉiuj libroj kaj gazetoj.

La elspezoj por la helpantoj, transportoj de pli grandaj sendaĵoj de alilando, presaĵoj, afrankoj, eldono de katalogo, sciencaj verkoj kaj de komplementoj al „Bibliografio de internacia lingvo“ devas (nia ŝtato estas malriĉa kaj devas ege spari!) esti portataj de la asocio.

Tio okazas dumaniere kaj ĉiu, ĉu esperantisto aŭ ĉu nur favoranto de altaj ideoj, afable kotizu sian obolon:

1. Dumviva membreco (unufoja pago de sv. fr. 12.—; por unuiĝoj valoras la kotizo por 10 jaroj; rekompenco: Fotoj de la muzeo, ilustritaj gvidiloj de Wien kaj Aŭstrio en E. ktp.),
2. Pago al „Garantio-Kapitalo de 100.000 Ŝ.“, kiu sub kontrolo de 5 membra Kontrolkomitato estas fidinde deponata kaj de kiu nur la procentoj estu uzataj por la pligrandigo kaj la funkciigo de la muzeo.

Kun la kolekto de tiu Garantio-Kapitalo estis nur antaŭ nelonge komencata kaj ni esperas, ke ankaŭ per Rotario-Kongreso alfluos rimedoj al ĉi tiu nobla celo.

Ni ĝojus, saluti multajn rotarianojn en la vicoj de nia membraro kaj de la donacintoj por „Garantio-Kapitalo“. Iliajn nomojn kun indiko de la donacoj, resp. kotizoj estos publikigataj en ĉi tiu gazeto.

## International Esperanto Museum.

The International Esperanto Museum being founded by Regierungsrat Hugo Steiner in 1928 to meet the want of scientific and other international societies for collecting all records dispursed throughout the world referring to the developement of the movement for a world subsidiary language. These records being books, newspapers, handwritings, fotos, signs etc. were gathered on a scientific base. Austria's state's authorities realising this typical collection as being a very valuable one, caused its legal addition to National Library for ever.

State's President Wilhelm Miklas protected the association formed for the above purpose. August 1st 1929 the President inaugurated the Museum in the pompous hall of National Library, while he made a speach in presence of numerous esperantists from 32 countries, diplomatists etc., finally using Esperanto himself in order to be understood by everybody at the same time.

A worthy home was given to the museum in the new wing of the Hofburg, Heldenplatz, including heat and light, by the austrian State (Board of Education-National Library). The National Library is also paying binding of books and newspapers.

All charges for clerks, freight for larger parcels from abroad, printed matters, stamps, costs of catalogue edition, scientific work and supplements to the „Bibliography of the International Language“ must be covered by the association; our State being to poor and has to reduce its expenses.

This is being done in two ways as follows, everybody, no matter whether he is an esperantist or only a patron of great ideas, ought to give his mite:

1. For membership held during lifetime pay down once 12 swiss. fr. This amount for 10 years only, when being paid by an association. In return members get photos from the museum, illustrated guides through Austria and Vienna in Esperanto etc.
2. Shares for a „Guarantee Fund of 100.000 S“, securely invested and supervised by a board of 5 persons, only the interests of this capital being permitted to be used for consolidation purposes and support of the museum.

We started only recently with the collection of the above mentioned „Guarantee Fund“, hoping that the Rotary-Convention too will bestow some money to this noble purpose.

We should be most happy to be able to welcome many Rotarians as members and benefactors to the Guarantee Fund. Their names and shares will be published in this paper.

# Le Musée International d' Espéranto.

Ce fut en 1928, que Regierungsrat Hugo Steiner a fondé le Musée International d'Espéranto à Vienne répondant au besoin scientifique international d'une collection des documents sur une base scientifique comme livres, journaux, manuscripts, photos, affiches, etc. relatif au développement de la langue subsidière internationale ayant été dispersés dans le monde entier. En vue de la valeur de cette collection spéciale de l'état autrichien la fit attacher à la Bibliothèque Nationale par un contract. Ainsi elle fut garantiée pour toujours.

Le Président de l'Etat M. Wilhelm Miklas s'est chargé du protectorat de la société, fondée à ce but. M. le Président a inauguré le musée le premier août 1929 en présence des nombreux espérantistes venants de 32 pays, du corps diplomatique etc. dans la salle superbe de la Librairie Nationale, en se servant enfin lui-même de la langue d'Espéranto pour être compris par toutes les nations en même temps.

L'Etat autrichien, c'est à dire le Mininistère d'enseignement et la Bibliothèque Nationale ont donné au Musée une place digne dans la Neue Hofburg, Heldenplatz (y compris chauffage et éclairage). C'est la Bibliothèque Nationale, qui paye aussi le dépenses pour faire relier tous les livres et tous les journaux.

La société doit payer les dépenses pour les employés, le transport des paquets plus larges, venant de loin, les imprimés, les timbres-poste, l'édition des catalogues, des travaux scientifiques et des suppléments pour la „Bibliographie de la Langue Internationale", car notre Etat est pauvre et forcé de prendre ses mesures économiques.

La société offre deux moyens et chacun, soit espérantiste, soit protecteur des grandes idées, est prié de contribuer son obole:

1. Membres à perpétuité (on paye 12 francs suisses; pour des associations cette contribution compte pour 10 ans. Comme équivalent on reçoit photos du Musée, des guides illustrés de l'Autriche et de Vienne en Espéranto etc.
2. Contributions au „Fond de Garantie de 100.000 S", qui sont garantis par un conseil d'administration de 5 personnes et dont on ne doit d'employer que les intérêts pour l'agrandissement et le maintien du Musée.

On a commencé récemment la collecte de ce „Fond de Garantie" et nous espérons que les rotariens vont contribuer aussi à ce noble but.

Nous serions fort bien aise de voir bien des rotariens joindre les rangs de nos membres et de nos protecteurs du Fond de Garantie.

Leur noms et les sommes vont être publiés dans cette gazette.

„Centre du mouvement d'Espéranto", „L'Association d'Espéranto dans le monde entier" et „Esperanto", la plus grande entre plus que 120 journaux, à Genève.

# Das internationale Esperanto-Museum.

Dem Bedürfnisse wissenschaftlicher und weiter internationaler Kreise nach Sammlung der in der ganzen Welt zerstreuten auf die Entwicklung der Welthilfssprachenbewegung bezüglichen Belegstücke (Bücher, Zeitungen, Handschriften, Lichtbilder, Plakate usw.) auf wissenschaftlicher Grundlage wurde im Jahre 1928 in der Weise Rechnung getragen, daß das von Regierungsrat Hugo Steiner gegründete

**Internationale Esperanto-Museum in Wien**

vom österreichischen Staate als vollwertige Spezialsammlung der National-Bibliothek angegliedert wurde und deren Bestände auf diese Weise für ewige Zeiten vertraglich sichergestellt wurden.

Das Protektorat über den zu diesem Zwecke gegründeten Verein hat

Herr Bundespräsident **Wilhelm Miklas**

übernommen und in dieser Eigenschaft am 1. August 1929 das Museum in Anwesenheit von zahlreichen Esperantisten aus 32 Ländern, des diplomatischen Korps usw. im Prunksaale der National-Bibliothek feierlich eröffnet, sich am Schlusse der Ansprache auch des Esperanto selbst bedienend, um von allen Nationen gleichzeitig verstanden zu werden.

Der österreichische Staat (Unterrichtsministerium-Nationalbibliothek) stellte dem Museum ein würdiges Heim (samt Beheizung, Beleuchtung usw.) in der Neuen Hofburg, Heldenplatz, zur Verfügung. Die Nationalbibliothek bezahlt auch die Bindekosten aller Bücher und Zeitungen.

Die Kosten für die Arbeitskräfte, Frachtgebühren für größere Sendungen aus dem Auslande, Drucksorten, Porti, die Herausgabe eines Kataloges, wissenschaftlicher Arbeiten und der Ergänzung zu der bestehenden „Bibliographie der internationalen Sprache" müssen (unser Staat ist arm und muß große Sparmaßnahmen durchführen!) von dem Verein getragen werden.

Dies geschieht auf zweierlei Art und jedermann, ob Esperantist oder nur Förderer großer Ideen, möge sein Schärflein dazu beitragen:

1. Lebenslängliche Mitgliedschaft (einmalige Zahlung von 12 Schw. Fr.; für Vereinigungen gilt der Betrag für 10 Jahre; Gegenleistung: Photos vom Museum, illustrierte Führer von Oesterreich und Wien in Esperanto usw.)
2. Beitragsleistung zum „Garantie-Fond von 100.000 S", der unter Aufsicht eines fünfgliedrigen Aufsichtsrates sicher angelegt wird und von dem nur die Zinsen für den Ausbau und die Erhaltung des Museums verwendet werden dürfen.

„Zentrale der Esperanto-Bewegung", „Esperanto-Weltverband" (UEA) und „Esperanto" (die größte der mehr als 120 Zeitungen), Genf, 1. Tour de l'Ile.

Mit der Sammlung für diesen Garantiefond wurde erst kürzlich begonnen und wir hoffen, daß auch durch die Rotary-Convention diesem vornehmen Zwecke Mittel zufließen werden.

Wir werden uns freuen, viele Rotarier in den Reihen unserer Mitglieder und der Spender für den Garantie-Fond begrüßen zu können. Ihre Namen mit Angabe der Spenden bezw. Beiträge werden in dieser Zeitung veröffentlicht.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h kaj **5. julio** 9—½ 12 h.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn! **Por alilandanoj sv. fr. 12.—**):

194. Houghton C. M., kemiisto, Abadan, Persujo; 195. Eitner Sándor, bienposedanto, Salomvár, Hungarujo; 196. Le Brun Paul, London; 197. Anna Grete de Crignis, Wien; 198. Rud. Stadler, polic., Wien; 199. Huguh-Ba-Duong, Hue, Indoĥinujo, Azio; 200. Minúŝka Mantel, Wien; 201. Brian Price-Heywood, Southport, Lancashire, Anglujo; 202. Wiedermann Karl; 203. d-ro Paul Weiss, Wien; 204 Shinoda-Hideo, Tokio; 205. Will. Rogler, Untergraden; 206. H. Legerer, Krems; 207. M. Jagoda, Tela, Honduras, Centra Ameriko. **Entute el 28 landoj.**

S-roj Le Brun sendis 1 angl. pundo kaj Brian Price-Heywood 20 sv. fr., el kiuj estas pagata la kotizo por dumviva membreco kaj la resto aperas sub rubriko „Garantia Kapitalo“. Imitu ilin!

Sinjorino, konata al nia prez. Merchant, sendis pere de nia prez. ĉekon je 3 pundoj. Ni elkore dankas al ŝi, kiu ne donis sian nomon, ĉar ŝi ne volis esti nomata en la gazeto.

Sinjoro, kiu ne deziras esti nomata, donacis pere de „Heroldo de Esperanto“ Rm 50.— kun la celo, elekti el la katalogo de Heroldo librojn ĝis ĉi tiu sumo.

Vere nobla maniero: Donaci malavare kaj sen bruo!

## „100.000 S Garantia Kapitalo.“

| | | |
|---|---|---|
| Jam publikigitaj . . . . . . . . . | S | 503.10 |
| Paul Le Brun, London . . . . . | „ | 17.50 |
| Kolekto Ziwutschka . . . . . . . | „ | 5.— |
| Mantel Min., Wien . . . . . . . | „ | —.50 |
| Brian Price-Heywood, Southport . | „ | 10.90 |
| S-ino pere de prez. Merchant . | „ | 102.50 |
| entute | S | 639.50 |

## La bela Aŭstrio.

Tre ofte oni povas observi, ke la en Aŭstrio vojaĝanta fremdulo ĝoje estas surprizata pro la riĉego da naturbelaĵoj, kiuj sin prezentas al li tute neatendite. La belegaĵoj de Riviera aŭ de Svislando estas ĉie laŭdegataj kun tiel konvinkiga voĉo, ke ili preskaŭ en neniu lando estas nekonataj. Malgraŭ ĉiu fremdulfrekventpropagando Aŭstrio restis ĝis nun nur la violo, kiu floras kaŝita. La aŭstriano lernu el tio, ke kelko estis preterlasata, kio alilande jam delonge estis eluzata.

Sed atentante la neceson de la tempo ankaŭ ĉe ni oni lernis eluzi, kion la naturo de nia patrolando kvazaŭ senkoste metis en nian lulilon. Ankaŭ la aŭstriano ekvekis la intereson de la fremduloj por niaj naturbelaĵoj kaj deziras helpi ilin.

Certe kelka juvelo estas konata alilande. Oni scias ŝati la belegan urbon Salzburg kun ĉiuj ĝiaj pejzaĝaj kaj historiaj riĉaĵoj; la sanigajn termojn de Gastein ne malpli ol ĝian unikan situon! Eble oni konas ankaŭ kelkan ĝuste laŭdatan lokon en Tirol. Sed kiom da dankindaj lokoj ne estas konataj al neinformito! Ĝuste en Aŭstrio kiel apenaŭ en alia lando oni povas konsideri la subjektivan emon de l' fremdulo, vojaĝanto, migranto aŭ sportulo. Ĉiu landa ĉefurbo havas sian apartan pejzaĝan kaj historian markon! Innsbruck, Graz, Klagenfurt, Bregenz! Kia varieco sin prezentas al la migrulo, kiu prenas sian vojon de al la hungara Puszta najbara Marchfeld okcidenten ĝis la neĝkronataj pintoj de Alpoj. Ĉarmaj mezmontaraj pejzaĝoj, Wienerwald-sentimenteco, Danubo-valo! Kaj en la sudo Karintio kun sia preskaŭ italsimila karaktero ne nur en siaj urboj, sed ankaŭ koncerne sian naturon, siajn belegajn varmakvajn lagojn. Ĉi tie nur estis menciite, kion la turisto povas atendi en nia lando!

Sed la migrulo, kiu tramigradas kun dorsosako kaj promenbastono niajn mirindajn Alpovalojn, oftege renkontas tiam la alpiniston, kiu strange dum la plej varmaj somermonatoj ekipita ankoraŭ kun skioj aŭ pinthakilo, ŝnurego kaj porgrimpaj ferpintoj alcelas la firn- kaj glacikovritajn altaĵojn de nia glaciejaro en Salzburg, Tirol aŭ Vorarlberg.

Ĉu grimpantoj, glaci- aŭ skisportistoj, se ili ankaŭ kelkfoje estu priridetitaj kompate kaj eble ankaŭ nekomprenate, ne tamen vekas sopiron al la plej altaj pintoj? Ŝajnas tamen, ke ili kunportis la klaran kaj freŝan aeron el altmontaro kaj en iliaj okuloj respegulas ankoraŭ la bluo de l' ĉielo, al kiu

## Saluta kunveno

honore al la gastoj-rotarianoj, 22. de junio, precize je la 18h30 je ĉia vetero en Kafejo Schlössl, Wien, XII. Schönbrunnerstraße 309, apud „Meidlingertor“ de kastelo Schönbrunn. Samideanoj venu multnombre!

ili alproksimiĝis pli multe ol ni homoj en la valo?

Sed tiu, en kiu en tiuj momentoj venas la sopiro al la pintoj de nia alparo, sekvu ĉi tiun inklinon. Li neniam tion pentos, se li sin transdonas al la sorĉo de la glaciejoj aŭ al la demona fortego de la rokaro. Sed unu estu ĉie tie dirita tutserioze! Li neniam agu senzorge opiniante, ke montgrimpado, migrado trans glaciejoj, grimpado en la rokoj estas nura bagatelo! Nur kiu sisteme kaj sub gvidado de spertuloj akiris sian montspertecon majstros tiujn taskojn, kiujn la altmontaro postulas de li.

Sed tiam atendos lin miloj da belaj celoj, kiujn nombri ne estas eble en la kadro de ĉi tiu artikolo. Kiu jam bonsukcese trapasis la „montlernejon“ en la Wienaj dommontoj, Rax, Schneeberg, Hohe Wand ktp., tiu havos siajn grandajn ĝojon kaj ĝuon en la trapasado de Hochschwab-grupo aŭ la montoj de Gesäuse. La solecon amanto ĝin trovos en Sensengebirge, Warscheneck aŭ Toten Gebirge. Kaj de Toten Gebirge li suriros la unuan fojon en Dachsteinmontaro regionojn de ĉiamaj neĝo kaj glacio kaj admiros kaj primiregos la mirindan kaj allogan irizadon de la glaciejaro. Vizito al la glacikavernoj de Dachstein aŭ Tennengebirge malfermos novan kaj neniam viditan mondon! Imponaj naturmirakloj kaj eternaj enigmoj samtempe!



Trisanna-ponto

Mirinda kaj malĝuste malmulte frekventata regiono estas Niedere Tauern. Praŝtonaro en siaj variaj koloroj, sennombraj plejalte situataj lagoj igas migradon tiel varia kaj admirinda, ke ĉiu forlasas ĉi tiujn montojn promesante reveni kiel eble plej baldaŭ.

Sed kiu deziras fari montegarsuprenirojn trovos en Hohe Tauern, Ziller-valo, Stubaj, Oetz-valo kaj en Silvretta tiom vastan agadkampon, ke kelkaj libertempoj ne sufiĉos, por fari ĉiujn ekskursojn, kiujn oni certe povas taksi la plej belajn en Aŭstrio. Estus neeble konsili „kien unue“! Sur Großglockner, la plej altan monton de Aŭstrio, preskaŭ 4000 m alta; sur Schwarzenstein, Gefrorene Wand, Wildspitze, Piz Buin aŭ Litzner, kiu aspektas tiel respektiga kaj timiga kiel Matterhorn? Ne, en tiu afero oni ne povas konsili, sed lasi al la unuopulo mem la elekton!

Unu ni scias, kien ajn la altalpinisto prenos sian vojon, li alportos hejmen mirindajn kaj neforgeseblajn impresojn. Li ĉiam revenos kaj la simpla, iomete severa enloĝanto de niaj Alpojlandoj lin ĉiam akceptos gastame.

La alplando Aŭstrio ne nur havas multan belon por montri al la malrapide migranto sed ankaŭ al alpinisto. La fremdulo nur devas bone disponigi pri sia restado en Aŭstrio.

Oesterreichischer Alpenbund (vidu je la fino!) rigardas sian plej noblan taskon helpi la fremdajn gastojn de nia lando. Ĉiu fremdulo sin turnu senĝene al ĉi tiu turista unuiĝo kaj li ricevos rapide kaj volontege ĉiujn deziritajn informon kaj konsilon ĉu temos pri turistsporta okupiĝo, noktikejoj, ekipado, vojaĝceloj aŭ pri nuraj vojaĝrilatoj.

Kaj kiam Oesterreichischer Alpenbund per tio atingos, ke niaj alilandaj gastoj kaj ankaŭ tiuj miloj da aŭstrianoj, kiuj ne ankoraŭ sufiĉe konas sian belan patrolandon, fariĝu amikoj de niaj aŭstriaj alpolandoj, ĝi vidos en tio la plej belan kaj valoran dankon!

---

Oesterreichischer Alpenbund, VIII., Langegasse 32, tel. n-ro B 46-5-60, fondiĝis en novembro 1930 kaj ne, por ke estu nova apinista unuiĝo (kvankam nur 3% de la aŭstrianoj estas en tiaj unuiĝoj!), sed por servi la turistan aferon sur tute objektiva superpartia bazo. Ĉiuj, kiuj ne ankoraŭ apartenas la komunumon de naturentuziasmaj homoj, estu en tiu asocio kiel anoj! Alpenbund tial ne estas konkuro al la jam ekzistantaj societoj, sed de multaj dezirata komplemento al ili! Por ke ankaŭ la ekonomie plej malforto povas aliĝi, la jarkotizo estas S 6.—, por familianoj sen apartaj enspezoj S 3.— kaj junuloj S 1.50.

La membroj ĝuas la samajn avantaĝojn ĉe Bundesbahnen kiel la membroj de la aliaj alpinistaj unuiĝoj.

La kliŝojn afable disponigis al ni „Oesterr. Verkehrsbüro“ kaj „Oesterr. Verkehrswerbungsgesellschaft“.

---

## 23. Univers. Kongreso de E.

Adreso por leteroj: Lubicz 34.
Kotizo: S 35.– ĝis 1. VII., poste je 50% pli.
Karavano de Wien: Anoncu vin tuj por karavano al IEMW kaj instigu ankaŭ viajn konatojn el alilandaro.

### Antaŭkongreso en Breslau.

Adr.: S. Freund, Breslau I, Blücherplatz 9.

### Postkongreso en Warszawa.

Kotizo 8 zl. Adreso: Widok 19.

### Internacia Postkongreso-Bialystok

12.—13. VIII. post Kraków; Poŝtkesto 120.

### Postkongreso en Budapest.

Hungarl. E.-Soc., Budapest, Dohány u. 76.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

### Ĝeneralkunveno de AEA. E.-grupo en Salzburg jubileas.

27. VI.: 20 h salutvespero en gastejo „Schwarzes Rössl", Bergstr. 5
28. VI.: 9 h Oficiala malfermo de la jubilea festo en hotelo „Wolf Dietrich", Wolf Dietrichstr. 16
9. 0 h Laborkunsido de AEA en sama ejo
15 h komuna ekskurso al Hellbrunn
20 h festvespero en hotelo „Wolf-Dietrich"
29. VI.: ekskursoj laŭ deziro.

K. Wannek, prez. AEA R. Ulbrich, afergvid.

**S-ro Ulbrich** en Mattighofen transprenis la gazetservon, per kio li multe senŝarĝas la estron kaj povas esti atingata pli granda reguleco.

Kun ĝojo ni akceptis la aliĝon de la grupo Innsbruck. Estus dezirinde, kiam la malmultaj ne ankoraŭ al AEA aliĝintaj grupoj aniĝis. Por AEA: Wannek, prez.

**Lend**, Salzburg: Malgranda rondo estis fondata de ĉeflernejdirektoro Neumair, entaŭe en Saalfelden. Dum pasinta vintro li gvidis kurson.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Graz.** Loka grupo de E.-Soc. por Stirio kunvenas vendrede Bürgergasse 4, teretaĝo. 17. IV. Antaŭ sia prelego Prof. Hainschegg faris impresan paroladon je la memoro de Majstro Zamenhof. — 1. V. Tradicia posttagmeza kunveno en kastelmonta restoracio. — 22. V. S-ino Storm daŭrigis sian paroladon pri la historio de E.: La franca epoko (1896—1904) kaj la perfido de Beaufront (Ido). — 29. V. Prelego de Prof. Hainschegg el sia traduko, kun detalaj klarigoj.

**Graz.** Dum kelkaj semajnoj restadis en nia urbo juna studento-skolto Mustapha Raden el Java (Indonesio). S-ro Bartel, al kiu li estis bone rekomendita de Viena samideano, vizitis kun li la tri Graz-ajn grupojn, kiuj la fremdlandan gaston kore akceptis. Preskaŭ cent membroj de tiuj E.-grupoj partoprenis tre interesan paroladon prj moroj kaj kutimoj kaj pri la ekonomia situacio en Java, kiun Mustapha faris la 15. V. en lernejĉambro, afable disponigita de komerclerneja direktoro Horneck. La paroladon sekvis bonege vizitita kunveno en la klubejo de E. S. p. St. La simpatia gasto rakontis pri sia vojaĝo kaj — post bonhumoraj deklamaĵoj de s-ro Wallner — amuzis nin per lerte prezentitaj sorĉaĵoj.

### Mortis

nia s-ano **parohestro dekano Franz Fuchs** en Königsbrunn kaj

s-ro **Miklas Plank**, patro de s-ano pastro Georg Plank, parohestro ĉe St. Karl en Wien. Nian kondolencon!



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.